2.ª Ep. AÑO XIII N.º 72 (208) MARZO - ABRIL 1975




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# XXXVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Konkurso de «Sardanas» en Placo España.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro José M.ª González Aboín
**Oficina Central:**
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 200 ptojn.

**La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

## DONATIVOS PARA BOLETIN - 1975

| | Pesetas |
|---|---|
| 1 X 2 (Zaragoza) | 500,— |
| F. Pérez Callejón (Suiza) | 50,— |
| Santiago Arizmendi (Eibar) | 50,— |
| Familia Criach (Calella de la Costa) | 500,— |
| Josefa Gallart de Ortet | 250,— |
| Juan Sala Campamá (Sabadell) | 50,— |
| Dolores Maymí (Gerona) | 250,— |
| R. Blanes Monllor (Alcoy) | 150,— |
| Salvador Oliván (Vigo) | 1.000,— |
| Félix de Valois (Calella de la Costa). | 50,— |
| Wilhelmina Collewijn (Calella de la Costa) | 50,— |
| Amalia Núñez (Pamplona) | 200,— |
| *Total* | 3.100,— |

## 35ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

La Organiza Komitato informas ke post la 30-a de Junio, ili ne povos respondeci pri loĝejoj en Lérida. Ĝis tiu dato, ili rezervis, jenajn loĝejojn:

Hostal "Condes de Urgel" kvar steloj: 50 dulitajn ĉambrojn.

Residencia Principal, du steloj: 10 dulitajn ĉambrojn.

Residencia Rex, du steloj: 10 dulitajn ĉambrojn.

Hostal Ilerda, du steloj: 20 dulitajn ĉambrojn.

Hostal Jamaica, du steloj: 10 dulitajn ĉambrojn.

Hotel Agramunt, unu stelo: 20 dulitajn ĉambrojn.

Hostal La Canonja, unu stelo: 25 dulitajn ĉambrojn.

Krom la hoteloj estas Camping en la Parko "Alcalde Pons" (Las Balsas).

## FUNDACION «ESPERANTO»

Cinco nuevos donativos abren este año la relación: Ernesto Martínez, de Cheste, 100 ptas.; V. Bueno, Vda. de Máñez, de Zaragoza, 2.000 ptas.; Eleuterio Moreno, de Málaga, 1.000 ptas.; Diana Gastón, de Zaragoza, 100 ptas.; Sres. Bielsa-Lázaro, de Zaragoza, 1.000 pesetas. Total: 4.200 ptas.

# KONKURSOJ

La Patronaro de la "Fundación ESPERANTO" decidis en kunsido okazinta la 11-an de februaro 1975-a organizi du konkursojn. Nome:

## LITERATURA KONKURSO

Estos du premioj:
1.ª - **Premio "Sancho Rebullida", 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo. Temo: "Filologia aspekto de Esperanto kiel lingvo internacia".**
2.ª - **Premio "Francisco Máñez", 2.000 pesetoj kun konfirma diplomo. Originala rakonto.**

## REGULARO

1) **La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio aŭ eksterlandaj abonantoj al BOLETIN.**
2) **Ĉiu konkursaĵo ampleksu 2.000 - 3.000 vortojn (bone atentu ĉi tiun punkton).**
3) Oni sendu po kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
4) **La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta koverto, sur kiu devas esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.**
5) **Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.**
6) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estas la 30-a de septembro 1975-a. Kun la indiko: "Por la Literatura Konkurso de Fundación ESPERANTO", Premio "........................", oni sendu la tekstojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. Paseo Marina Moreno, núm. 35, 4.º dcha. Zaragoza.
La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1975-a.

## ORATORA KONKURSO

Ĉijaraj elekteblaj temoj: a) "Hispanujo, ĝiaj moroj kaj folkloro". b) "Hispana literaturo".
1.ª - Premio "Fundación ESPERANTO", 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
2.ª - Honora Mencio. Diplomo.

## REGULARO

1) La Konkurso okazos en la kadro de la XXXVª Kongreso de Hispana Esperanto-Federacio, okazonta en Lérida, de la 18ª ĝis la 22ª Julio 1975ª.
2) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio.
3) Okaze de samnivelaj meritoj de la konkursantoj, la premio povos esti dividita laŭ decido de la Juĝa Komisiono.
4) La konkursanto devos paroli ne malpli ol 10 minutojn, nek pli ol 20 minutojn. Ili povos havi nur mallongajn memorigajn notojn.
5) La konkursantoj devos sin anonci al la sekretariejo de "Fundación ESPERANTO" antaŭ la 1-a de julio. Samtempe ili devos sendi la skizon de iliaj oratoraĵoj.

Zaragoza la 10-an de marto de 1975.

*Inés Gastón*
Sekretariino de la
"Fundación ESPERANTO" kaj de la Konkursoj

# KOMUNIKO

La Estraro de UEA:

1. Notas la gravan rolon de la Esperanto-kulturo en la moderna Esperanto-movado, kaj la specialan kontribuon kiun faris tra 25 jaroj la Belartaj Konkursoj de UEA;

2. Esprimas siajn dankojn pro ilia sindona laboro al la retiriĝintaj prezidanto de la juĝkomisiono, profesoro Gaston Waringhien, kaj sekretariino de la Konkursoj, s-ino Emilija Lapenna, kiel ankaŭ al la tuta juĝkomisiono de la ĵuspasinta periodo (W. Auld. R. Bernard, C. Conterno, J. H. Rosbach, I. Rotkvic, A. Venture);

3. Bonvenigas al siaj roloj la novajn prezidanton de la juĝkomisiono, s-ro Baldur Ragnarsson, sekretarion, s-ro Alec Venture, kaj juĝkomisionon;

4. Kaj deklaras 1975 Jubilea Jaro de la Belartaj Konkursoj evento festota dum la 60-a Universala Kongreso de Esperanto, Kopenhago, 26 julio-2 aŭgusto 1975.

---

## 60.ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Frederiksberg (Kopenhago) Danlando de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Informoj riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002 Nederlando.

Statistiko: (31 de januaro 1975).

Entute 603 aliĝintoj el 39 landoj. (Hispanoj 8).

---

«Nur partie blindigitaj fanatikuloj povas ne kompreni ke la partioj —kiaj ajn!— atentos la esperantan aferon, nur kiam ĝi estos reale forta.» (Leteroj de E. Lanti, paĝo 188ª).

---

## XXXVª I. K. U. E. - KONGRESO

Okazonta en Roma de la 11ª ĝis la 16ª de aŭgusto 1975

Krom pri la laboroj de la Kongreso, oni profitos pri la ebleco viziti la neelĉerpeblajn belaĵojn de la Eterna Urbo, kiu en tiu okazo malfermos siajn trezorojn, eĉ tiuj kutime ne facile alireblajn.

Informas: P. Giacinto Jacobitti, Piazza S. Maria Maggiore, 8 - 00185 Roma, Italujo.

## 48ª KONGRESO DE S. A. T.

Okazonta en Hago (Nederlando) de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Informoj riceveblaj ĉe la Sekretario: J. Kuijpers, Lombardkade 85-b Rotterdam - 3001 Nederlando.

---

## 3ª INTERNACIA KONKURSO-EKSPOZICIO DE INFANAJ PENTRAĴOJ

Santa Coloma de Gramanet (Barcelona) Hispanujo

La limdato por la ricevo de la pentraĵoj estas la 31-an de Julio 1975.

Informas: Excmo. Ayuntamiento "Ponencia de Cultura", Santa Coloma de Gramanet (Barcelona) Hispanujo.

# LA PRIZONO DE LLEIDA*

*Kataluna popolkanto*

"La presó de Lleida" (La prizono de Lleida) estas unu el la plej konataj popolkantoj de la riĉmina kataluna folkloro. Oni povas aserti ke tiu "fajna perlo" troviĝas, de ĉiam, en la repertuaro de ĉiu supera ĥoro.

Tiu popolkanto ensorĉas nin, ne nur pro la rava melodio, sed ankaŭ, samgrade, pro la kortuŝaj versoj de nekonata aŭtoro, kiuj elpensiĝis, sendube, pro reala historia fakto dum la mezepoko.

Jen ĝi, kvazaŭ oni rakontus tradician popollegendon.

——oOo——

Margareta, ĉarma filino de la Barono, el la verando de sia palacloĝejo, kortuŝite aŭskultas ravan kanton diritan de iuj malliberuloj. Unu el ili, per sia bele modulita kaj agrabla voĉo, altiras, pli ol la ceteraj, ŝian atenton. Ravite de la bela melodio kaj elvokiveco de la vortoj, ŝi forlasas la altan lokon kaj malrapide malsupreniras laŭ ekstera ŝtuparo: po unu ŝtupo je ĉiu kant-stanco.

De malantaŭ la krado la kaptitoj, observinte ŝin, subite ĉesas kanti. Kia bedaŭro!, ĉar ŝi deziras aŭskultadi de pli proksime tion, kio eliras el la lipoj de tiuj junaj viroj, kaj ankaŭ provi gvati tiun, kiu kapablis senkonscie moligi ŝian koron — tiun koron kiu ankoraŭ estas preskaŭ infana. Ŝi alproksimiĝas pli, kaj petas al ili.

—Daŭrigu, daŭrigu ĝisfine la sorĉan kanton, ho vi, malbonsortaj malliberuloj! Bonvolu aŭdigi al mi, tute, vian ravan kanzonon, ĉar aŭdante ĝin mia koro batas emocie, kaj mia spirito streĉiĝas.

—Ho vi, ĝentila baronidineto! Sciiĝu ke ni nur kantas pro senespero, ĉar eble ni neniam ricevos pardonon de via patro.

—Ĉu mankas al vi manĝaĵo aŭ trinkaĵo? Ĉu la provoso ne ĉiam donas al vi la ĝustan manĝo-porcion? —demandas naive la knabino.

—Tio kio mankas al ni, ne estas tio kion vi diras, sed, simple, la ŝlosilo.

—Sed, spite tion, bonvolu rediri tiun kantadon, kvazaŭ vi estus enkaĝigitaj kardeloj. Finu, finu la kanton, ĝis lasta refreno, kies melodio delogas min. Rekompence, mi tuj iros renkonti mian patron kun la celo peti indulgon por vi. Do, mi petegas: kantu, kantu ree!

La kaptitoj akceptas la proponon kaj, sekve, agordas siajn voĉojn por kanti kun pli da emocio ol antaŭe. Margareta ekstaze aŭskultas. Kaj post la fino, ŝi demandas ankoraŭ.

—Kiu el vi elpensis ĝin?

—Ĝi estis elpensita de tiu, kiu surportas nigran ĉapelon. Li estas la plej juna —al ŝi oni respondas.

Ŝi tuj alkuras renkonten al sia patro, la barona moŝto.

—Patro mia! Mi deziras propeti vin pro unu sola favoro kiu ne multe gravas.

—Nu, filino kara, kian korfavoron mian vi deziras?

—Ho, mi ne petas Valencion, nek Aragonon, nek Barcelonon, sed, nur, ke vi liveru al mi la prizonan ŝlosilon!

—Ĉu vi ŝercas? Vi, ja, bone scias ke al mi ne decas kontentigi vin pri tio, ĉar koncerne la malliberulojn mi estas plenresponda antaŭ nia sinjoro, la reĝo. Sed, bonvolu diri al mi kial vi interesiĝas pri tiu afero?

—Ho, mia patro! Eksciu ke mi deziras la liberiĝon de mia amato, kiu estas unu el ili —ŝi balbutas tenere.

—Margareta! Sendube vi ne bone konas lin. Ekkonu, do, ke li, kaj liaj kunuloj, estas fiaj kaj timindaj krimuloj, ĉar ili instigis militon en La Garriga, Conflent kaj Rosselló, kaj ili bruligis urbojn kaj vilaĝojn. Ili, do, faris multe da malbono, kaj tial ili nepre meritas severan kaj definitivan punon.

—Kia sorto falos sur ilin, do? —demandas ĉagrenite la junulino.

—Estas jam proksima la Paska Sabato, kaj tiam oni pendumos ilin.

—Patro, patro mia! Bonvolu aŭskulti mian peton kaj kompatu ilin —diras plorĝemante la baronidineto. —Ne ekzekutu mian amaton —ŝi aldonas, genuiĝante antaŭ li.

—Mi volas sciigi al vi, ke la ŝnuroj estas jam faritaj, ke la pendumiloj estas jam starigitaj, kaj ke li estos la unua surironta la eŝafodon.

—Ho ve, mia patro! Se nepre oni devas pendumi lin, pendumu ankaŭ min kune kun li. Farigu pendumilojn el arĝento, kaj ornamu ilin per freŝaj rozoj kaj diantoj. Kaj ke la maŝoj estu el oro. Ke ĉio altiru la atenton de la preterpasantoj. Tiel oni ĉagreniĝos, kaj softe, kvazaŭ preĝe, diros:

—Ve, jen la malfeliĉulino kiu mortis pro sia amato!—.

Kaj ili aldirektos al mi similajn vortojn:

—Ni vin kompatas, ho velkinta kaj deŝirita rozo de la am-ĝardeno! Vi estis nobela knabino, filino de la Barono; nepino de la hungara Reĝo kaj parencino de la nia aragona. Vi finspiris amante junan mortkondamniton.

——oOo——

La korvoj formanĝis la korpojn de la ekzekutitoj. Kaj en la plej bela kaj hela palaca ĉambro, agoniis kelkajn tagojn poste, pro amangoro, la ĉarma kaj malfeliĉa Margareta, kiun, en blanka kaj eta ĉerko, oni kondukis kaj enterigis ĉe ombra angulo de la tombejĝardeno.

——oOo——

Post multaj jarcentoj, la venteto, ankoraŭ nun, tie, kie antaŭe estis la tombejo, preĝas por ŝi kaj susuras la kanton de tiu kondamnito kiu tiel loge kantadis kaj gracie surportis nigran ĉapelon.

Kompilis:
*Gabriel MORA i ARANA*

(*) "Lleida" = aŭtoktona nomo de la kataluna urbo Lérida.

# KOMENTO

En raporto pri la 34ª Hispana Kongreso de Esperanto, mi legis ion, kio mirigis min. Verdire, la tuta noteto mirigis min.

«*INFORMA KUNSIDO PRI U.E.A.* ............ La tuta kunsido temis pri la neŭtraleco de U.E.A. Originalajn kaj kuriozajn vidpunktojn oni eksponis en tiu aranĝo............»

Kiam mi estis invitita de la Delegito de U.E.A. en Valladolid, konsente kun la Prezidanto de H.E.F. por informi dum tiu kunsido al la interesitoj, volonte mi akceptis; mia kondiĉo esti membro de familio laboranta por Esperanto de antaŭ pli ol sepdek jaroj, devigas min helpi en tiu informa laboro.

Ke la tuta kunsido temis pri la neŭtraleco de U.E.A., mi ne rememoras, mia informado baziĝis sur la demandoj faritaj al mi, sed... povas esti. Mi ĉiam konsideris ke U.E.A., kies karaktero estas ege praktika, havis kiel superan celon krei kaj plifirmigi la solidarecon kaj amikecon inter siaj membroj praktikante kaj realigante la idealon de Esperantismo kaj la efektivan vivon de la Lingvo Internacia. Por U.E.A. —laŭ mia vidpunkto— la esperantista popolo ne estis nur internacia, ĝi estis Universala kaj Neŭtrala kiel ĝia oficiala lingvo ESPERANTO. Sed, kio ĉefe mirigis min estas la frazo: «Originalajn kaj kuriozajn vidpunktojn oni eksponis en tiu aranĝo». La signifo de la vorto neŭtraleco estas tiel klara ke mi ne komprenas kiel povis esti originalaj nek kuriozaj la diversaj vidpunktoj pri la temo; povis esti originalaj aŭ kuriozaj la diversaj esprimmanieroj, sed ne, la vidpunktoj prezentitaj.

Laŭ la Plena Ilustrita Vortaro, la vorto neŭtraleco signifas: *Stato de persono, grupo aŭ ŝtato kiu ne volas partopreni en io kio bataligas la aliajn.*

Do, neŭtrala persono estas pacamanto, kaj veraj esperantistoj, ĝenerale, tiaj estas. Zamenhof diris: «La neŭtraligo de la intergentaj rilatoj estas la tuta celo de niaj laboroj».

Sekve, ni devas labori por la paco, sed por la paco kontraŭ la perforto, ne por tiu pasiveco nomata rezignacio ĉar tio ne estas paco. Esti neŭtrala signifas respekti la aliulojn, sed ne, permesi ke la aliuloj batos vin.

Ke la tuta kunsido temis pri la neŭtraleco de U.E.A., povas esti; ĉiuj ĉeestantoj konsciis pri la grava situacio en la interno de U.E.A. kaj pli, malpli, ĉiuj konis la antidemokratian sistemon de kiuj estis pretaj obsede atenci kontraŭ la Estraro de U.E.A., —kiel oni povas ataki diliĝencojn en la filmoj pri la "far west"—, por atingi la gvidadon de la asocio laŭ siaj interesoj de partio. Ĉu tio oni povas nomi neŭtralecon?

Bedaŭrinde, inter la esperantistoj ankoraŭ estas kiuj konfuzas la pasivecon kun la paco kvankam ili vestas tiun per la nomo rezignacio, kaj ili preferas nur pensi ke: «Unueco estas forto». Ili pravas, sed al kio aŭ al kiuj ili sin

unuigas? Se ili estas esperantistoj, veraj Zamenhofanoj devas legi la poemon "La Vojo" kaj mediti pri la vortoj de la Majstro.

«.........................................
Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!»

---

Nun mi deziras klarigi la unuan parton de la raporteto.

«En la sama salono kie okazis la delegitara kunveno, oni celebris la informan kunsidon pri U.E.A., kiu estis ege malbone aranĝita. Neniu respondeculo estis antaŭvidita. Por solvi ĉi tiun cirkonstancon kaj laŭ invito de iuj el la malmultaj ĉeestantoj, akceptis tiun taskon F-ino I. Gastón...»

La Informa Kunsido pri U.E.A. estis bonege organizita kaj serioze efektivigita. Ĝi okazis sub la aŭspicoj de la Delegito de U.E.A. en Valladolid, kiu prezidis la kunsidon kaj de la unua momento estis en la salono por akcepti la kunsidontojn. Mi akceptis la informan taskon, ne laŭ invito de iuj el la ĉeestantoj, sed laŭ skriba invito de Sro. Gamboa, Delegito de U.E.A. en Valladolid.

Okazas ke estas personoj, kiuj ŝajne ne scias atendi kaj sendube opiniis ke mi ne supreniris la podion pro hezito, dum mi simple atendis ĝis la lasta momento pro ebla alveno de la Prezidanto de H.E.F., kiu lastmomente devis rezigni sian deziron partopreni tiun kunsidon.

Feliĉe, la esperantistoj de Valladolid estas grupo, kiu digne scias organizi kaj efektivigi la laborojn kaj diversajn aranĝojn kiel decas al kultura movado kaj al Grupo apartenanta al Universitata Urbo.

*Inés Gastón*

## 35ᵃ HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H.E.F., okazonta en Lérida de la 18ª ĝis la 22ª de Julio 1975

PLEJ FREŜAJ INFORMOJ

LOKA KONGRESKOMITATO: Prezidanto, José Franquesa Solé; Vicprezidanto, José Olivé Ferrando; Sekretario, Vicente Veses Castellanos; Kasistino, M.ª Luisa Torrelles Solé; Membroj, Jaime Argelich Muntaner, José M.ª Serés Ubach, José Pont Marcé kaj Jorge Argelich Pla.

KONGRESEJO: Pavilono en Parko "Campos Elíseos".

PROVIZORA PROGRAMO

SOLENAJ MALFERMO KAJ FERMO DE LA KONGRESO.

MESO EN ESPERANTO.

LABORKUNSIDOJ. — Krom la Ĝenerala Kunveno de H.E.F., okazos Laborkunsidoj de la estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj Fakaj Kunvenoj.

PRELEGOJ. — En Esperanto prelegos la konata poeto Gabriel Mora i Arana. En hispana lingvo ne estas ankoraŭ decidite.

ORATORA KONKURSO. — Ĉijare okazos Oratora Konkurso organizita de Fundación ESPERANTO. En tiu sama numero de BOLETIN, aperas la Regularo de la Konkurso.

AKCEPTOJ. — Estas antaŭvidita Oficiala Akcepto en la Urbodomo, kaj Inaŭguro de strato ESPERANTO.

EKSKURSO KAJ VIZITOJ. — La tuttaga ekskurso okazos al la mondkonata "Valo de Aran". Vizitoj estas planita al la bierfabriko "San Miguel".

---

Kiel vi povas konstati la programo estas ja alloga, la Kongresa Komitato entuziasme laboras por sukcesigi la Kongreson, kio signifas sukcesigi Esperanton, kaj samtempe por agrabligi nian restadon en Lérida. Ni devas respondi per nia frua aliĝo al la Kongreso.

## NI KONDOLENCAS

Kun profunda malĝojo ni devas informi pri la forpaso de du membroj de la Esperanto-Movado, tre karaj por pluraj hispanaj esperantistoj: S-ino Anna Meurrens —30.12.1974— kaj S-ino Kirsten Zacho —17.01.1975—. Por ĉiu el ili mi estis preparinta nekrologon, kiel omaĝon de BOLETIN, kiam mi ricevis la subajn omaĝajn artikolojn de personoj pli kompetentaj ol mi, por prezenti la personecon de niaj elstaraj samideaninoj.

## S-ino Anna Meurrens - S-ino Kirsten Zacho

ke via ekzemplo kaj memoro estu por ĉiuj kiel instigilo por ke tiu Esperanto-Movado, kiun vi tiel profunde amis daŭrigu la vojon de nia Majstro signita, ĝis atingi la celon.

## OMAĜE AL ANNA MEURRENS

### 1905 - 1974



Ĝuste antaŭ la jarfino, forpasis en Leuven (Belgujo) S-ino Anna MEURRENS, la vigla Belga samideanino kiun ankaŭ konis multaj eksterlandaj amikoj.

Naskiĝinta la 19-an de februaro 1905, ŝi eklernis la lingvon en 1936 kaj tuj ekagis kiel fervora anino de la Esperanto-Movado.

Kiel edzino de la flandra pentristo kaj desegnisto Leo Meurrens, ŝi precipe propagandis en artistaj medioj, sed en la belga universitata urbo ŝi ankaŭ varbis efike inter la studanta junularo; ŝi persone gvidis multnombrajn kursojn, organizis ekzamenkomisionojn, senlace kontaktiĝis kun oficialaj instancoj.

Dum la dua mondmilito, ŝi kun kelkaj samideanoj redaktis kaj dissendis monatan bultenon kiu ebligis la pluvivon de lokaj grupoj kaj la rapidan renaskiĝon de la movado ekde la liberigo de la lando en la aŭtuno de 1944. Ŝi iĝis prezidantino de la loka kaj regiona kluboj en Leuven kaj estraranino de Flandra Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj kaj de Flandra Ligo Esperantista, poste de la kunfandiĝintaj belgaj grupoj (Belga Esperanto-Federacio).

Ŝi montradis grandan intereson por la esperantlingva literaturo kaj mem verkis serion da sentoriĉaj, cizelitaj poemoj; kelkaj el ili aperis en Heroldo de Esperanto, Espero Katolika kaj Flandra Esperantisto.

Multnombraj samideanoj, ne nur en Belgujo, konservos pian memoron pri ĉi tiu noblanima virino kaj nelacigebla kunlaborantino de la Movado.

*Fernand PIOT*

# OMAĜE AL KIRSTEN ZACHO

## 1913 - 1975



Unu el la plej sindonaj kaj noblaj homoj, kiujn iam havis la Esperanto-Movado, ne plu estas inter ni. La 17-an de januaro, en Kopenhago, ĉesis bati la koro de Kirsten Zacho. Ne nur por la familianoj kaj proksimaj parencoj, sed ankaŭ por ĉiuj ŝiaj multnombraj geamikoj tra la mondo kaj por ĉiuj personoj, kiuj havis la privilegion konatiĝi kun ŝi, tio estas doloriga bato.

Kirsten Zacho estis multrilate unika. Ankaŭ en la Esperanto-Movado. Diference de multaj, kiuj kredas sin kapablaj tuj transpreni funkciojn sur la internacia nivelo, sen kia ajn spertiĝo kaj konatiĝo kun la problemaro, ŝi formis sin mem paŝon post paŝo per ĉiutaga aktivado unue en la loka kadro, poste en la landa kaj fine, aldone al la du aliaj, ankaŭ en la monda. Fakte, eĉ ŝia plej intima rondo estis inkluzivita: en la tuta familio Zacho Esperanto estas vivanta lingvo, uzata preskaŭ ĉiutage.

Malgraŭ sia grandega laboro por la Internacia Lingvo, Kirsten Zacho neniel neglektis sian profesion kiel instruistino. Male, ŝi daŭre vastigadis kaj profundigadis siajn sciojn, tiel ke ŝi fariĝis alte respektata en la pedagogiaj medioj de sia lando. Tio, siavice, helpis ŝiajn klopodojn doni al la Esperanto-Movado ankaŭ la eksteran stampon de kulturo, digno kaj prestiĝo, tiel ofte malatentataj de tro fervoraj aktivuloj, kaj tamen tiel necesaj por la plua disvastigo de la lingvo. Eble nenio ilustras pli bone ŝiajn organizan talenton kaj popularecon en influaj medioj, ol la brila solenaĵo la 15-an de decembro, 1959, okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de Zamenhof. La luksan salonegon de la Palaco Grafo Moltke, taŭge ornamitan kaj brile iluminitan, plenigis ĉirkaŭ 300 personoj, inter kiuj la ĉefministro kaj tri aktivaj ministroj en la dana registaro, du ambasadoroj, kvar kulturaj ataŝeoj, la vicdirektoro de la publika instruado en Danlando, la programdirektoro de la radio, la direktoro de la urba biblioteko, pluraj parlamentanoj, k. a. personecoj de la publika vivo. La altnivela kultura programo, la supeo en la "Blanka Salono" de la palaco kaj la posta balo lasis tiel profundan impreson, ke la diversaj oficialaj reprezentantoj ne havis sufiĉe da vortoj por esprimi siajn gratulojn kaj bondezirojn. La aranĝon kompletigis granda gazetara konferenco, kiu rezultigis tutan aron da artikoloj en la dana gazetaro kaj nombron da radioelsendoj, interalie kun partoj de la programo.

Kirsten Zacho estis unu el la kunfondintoj de Kleriga Konversacia Klubo en 1952, kunfandiĝinta poste kun la kopenhaga Studenta Esperanto-Klubo. Tiu loka grupo, konata kiel KKK/SEK, baldaŭ fariĝis unu el la plej bonaj en la mondo kaj, sub ŝia prezidanteco, restis tia ankaŭ post la eventoj de Hamburgo. Kvankam jam grave malsana, ŝi plu aktivis: nur kelkajn tagojn antaŭ la forpaso ŝi sendis al la membraro inviton por la ĉefkunveno, en kiu ŝi saĝe, kiel kutime, analizis la situacion.

Dum kelkaj jaroj ŝi estis komitatanino C de UEA. Ekde la mezo de 1958 ĝis la fino de 1960 Kirsten Zacho estis ankaŭ redaktorino de la revuo "Esperanto", en la komenco kune kun H. V. Rasmussen, alia elstara dana esperantisto kaj membro de KKK/SEK, poste tute sola. Sufiĉas nur trafoliumi la organon de UEA por tiu periodo por konstati kun kiaj lerteco, klereco kaj precizeco ŝi plenumis ankaŭ tiun gravan taskon. Ŝiajn grandanimecon kaj oferemon montras la fakto, ke por tiu respondeca kaj temporaba laboro ŝi ne nur ne ricevis kian ajn kompenson, sed eĉ mem pagis ĉiujn siajn elspezojn por ĉeesti la kunsidojn de la Estraro kaj eĉ por la afranko. Ŝi volis esti en daŭra kontakto kun la Estraro kaj kun la tiamaj ĉefaj funkciuloj de la Asocio, ĉar ŝi perfekte komprenis, ke nur tiamaniere ŝi povos taŭge redakti periodaĵon

de batalanta kultura organizaĵo: objektive informadi, kuraĝigadi la plenumadon de la aktualaj programoj, gvidadi la Esperanto-Movadon al novaj sukcesoj.

Plia rimarkinda kontribuo de Kirsten Zacho al Esperanto estas la funkciigo de la eldonejo "Koko". Kvankam fondita en la kadro de KKK/SEK, tamen la eldonejo estis ĉefe rezulto de ŝiaj klopodoj kaj laboro. Apenaŭ necesas mencii, ke "Koko" publikigis multajn valorajn verkojn, kiuj riĉigis la Esperantan literaturon.

Fine, sed ne malplej grave, Kirsten Zacho ludis elstaran rolon en la organizado de la Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago en 1962. Ŝi estis vicprezidantino de la LKK kaj la tuta organiza laboro estis farata en la hejmo Zacho, kiu transformiĝis en veran oficejon, kunsidejon, eĉ deponejon de la abunda kongresa materialo.

Kiel homo, aldone al multaj aliaj kvalitoj, ŝi estis senfine modesta, milda, bonkora, helpema al ĉiuj. Verŝajne ne ekzistas unusola homo en la vasta rondo de ŝiaj gekonatoj, kiu ne sentus profundan ŝaton kaj altan estimon por Kirsten. Tian noble senteman personon, kiu dediĉis preskaŭ sian tutan vivon al Esperanto kaj al la idealoj esence ligitaj al ĝi, ne povis ne aflikti la konataj eventoj de Hamburgo. Post multjara membreco ankaŭ ŝi sentis sin devigita eksiĝi el UEA - tiu sama UEA, kiun ŝi kunhelpis konstruadi.

Ĉiuj gekonatoj de Kirsten Zacho sendube kunsubskribas la vortojn, per kiuj ŝiaj plej intimaj gefamilianoj anoncis la tristan novaĵon pri la forpaso de tiu senfine kara homo:

«Senkompromisa batalinto por justeco, honesteco, sincereco kaj humaneca internaciismo; fidela ĝis sia lasta spiro al Zamenhofa Esperantismo.»

Fizike, Kirsten Zacho ne plu estas inter ni; sed en la historio de la Esperanto-Movado kaj en la koroj de ĉiuj geamikoj ŝia personeco vivos plu.

*Ivo Lapenna*

---

## EN LA 18ª DE MAJO, TAGO DE BONA VOLO

Unu plian fojon la junularo de Kimrujo sendis por la junularo de la mondo sian jaran mesaĝon de bona volo okaze de la 18ª de majo 1975, Tago de Bona Volo. Kiel ĉiujare, mi ĝin reproduktas por la hispana esperantistaro.

## MESAĜO DE BONA VOLO

La 54ª Bonvolmesaĝo de la Junularo de Kimrujo al la Junularo de la Mondo, je Bonvoltago 1975.

Hodiaŭ la Kimra Junularo salutas la Junularon de aliaj landoj je Bonvoltago.

Estas tragike, ke tiom da homoj aktuale suferas pro malsato kaj manko en mondo de abundo. Unu el la ĉefaj kaŭzoj de tio estas la MALŜPARADO.

La elspezado de mono por armiloj estas morala malŝparado. La krea forto de la homaro direktiĝas al detruado anstataŭ al la pozitiva subtenado de la vivo mem. Ni petegas al la registaroj de la mondo ĉesigi ĉi tiun malŝparadon kaj atenti nian petegon por Paco kaj Bonvolo.

Tamen, ni junuloj el ĉiuj landoj, devas ankaŭ ludi nian rolon en la batalo kontraŭ la malŝparado. Ni ne malŝparu nian tempon kaj energion pro iluziaj kaj senutilaj celoj. Pli bone, ni utiligu ĉiujn niajn talentojn kaj rimedojn por doni servon al niaj kunuloj kaj por plibonigi sociajn vivkondiĉojn.

Anstataŭ malŝparado kaj detruado ni postulas konservadon kaj konstruadon.

---

Dankon, Junularo de Kimrujo, via Bonvolmesaĝo estos radie disaŭdigita je Bonvoltago, la 18-an de Majo 1975, en Zaragoza.

*Red.*

# VIIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Huesca, 9-10-11 Majo 1975

Se interesa kaj vizitinda estas Huesca, ĉefurbo de la samnoma provinco, ne estas malpli interesaj kaj vizitindaj pluraj el la urboj kaj vilaĝoj de tiu aragona provinco, pordo de Hispanujo kaj bastiono de la Alta Aragón, kvazaŭ relikvujo de historio kaj arto, kiu laŭlonge de la jarcentoj lasis kiel postsignojn, ege interesajn konstruaĵojn kaj monumentojn, el kiuj nur malgranda parto konserviĝis ĝis la nuntempo.

Du el tiuj relikvoj de historio kaj arto ni vizitos okaze de la VIIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo. ALQUEZAR kaj LOARRE.

En la natura limo inter la antikva regno de Sobrarbe kaj la aragona Somontano, situas Alquezar, la vilaĝo sur kalka deklivo en kvazaŭ rompanta pejzaĝo. Sur impresa krutaĵo elstaras la grandioza "Colegiata" (kanonika preĝejo), ĉirkaŭata da muregoj kun turoj kaj granda gvatoturo. En ĝia preĝejo konsekrita en la jaro 1099, konserviĝas belega retablo, valorega figuro de la Krucumito, de la XIIª jarcento, kaj en la sakristio oni povas admiri pentraĵojn de Murillo, Tiziano kaj Alonso Cano, same kiel tre valorajn verkojn de oraĵarto. La klostro apartenas al la hispana romanika stilo, kun kapiteloj de sama skolo kiel tiuj de San Juan de la Peña.

La graveco de Alquezar en la historio de Aragón ne estis granda, tial ke ĝia rolo en la Rekonkero daŭris nur de kiam je la fino de la XIª jarcento ĝi estis konkerita de la infanto Don Pedro, ĝis la konkero de Barbastro en la jaro 1100.

Sed, ĉio dirita estas nur vortoj. La realaĵo estas en Alquezar: pejzaĝo, urbo, arto, tipismo... ĉio ĉi estas motivo por ke ni ĝin vizitu.

La plej grava fortikaĵo romanika de Hispanujo estas la Kastelo de Loarre, ĝia konstruado komenciĝis je la fino de la XIª jarcento, supozeble, kie staris la Calagurri Julia Nassica, citita de Julio César. Ĝi aperas ĉirkaŭata de granda murego kun cilindraj turoj kaj



Alquezar, malantaŭa parto de la «Colegiata».

du pordoj. Inter ĝiaj variaj flankaĵoj estas citindaj la Kripto, de rektangula planko, absido semicirkla kaj cilindra volbo, kaj la preĝejo dividita en absido, la unua interspaco de la navo kovrita per duonsferaj kupoloj kaj la dua per cilindra volbo kun abundaj ornamaĵoj.

La aspekto de la Kastelo de Loarre estas tremiga; se nun ni vidas ruinojn kies grandioza braveco estas impresa, kia estus la efekto kiun ĝi kaŭzus kiam ĝi estis freŝe konstruita, kun turoj dufoje pli altaj kaj muroj sesfoje pli dikaj?

Sed... mi ripetas kion mi jam diris: Ĉio dirita estas nur vortoj. La realaĵo estas tie, en Loarre, same kiel laŭlonge de tiu interesa provinco Huesca, pordo de Hispanujo kaj bastiono de la Alta Aragón.

---

Informas pri la VIIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo:

En Francujo, Esperanto Pau-Adour, ĉe S-ro Jacques Decobert, F-64820 ACCOUS.

En Hispanujo, Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

## HISPANA LIRIKO

En la nuna jaro oni solenas en la tuta hispanlingva mondo la centan revenon de la dato de la naskiĝo de *Antonio Machado y Ruiz* (1875-1939), unu el la kulminoj de la hispana poezio.

En ĉi tiu sama rubriko jam aperis liaj famaj *Al seka ulmo* kaj *Juna Hispanio* kaj krome, en formo de libro, *La lando de Alvargonzález* (Eldona Fako de HEF, 1969).

Nun, omaĝe al lia kara memoro, ni aperigas ĉi kvar pecojn, kie bone montriĝas la milda, rezignacia pesimismo de lia poezio.

### Pri nia propra koro

*En nia koro, ĉion*
*ia mistera mano daŭre stiras.*
*Pri nia propra koro,*
*enigma, muta, nenion ni scias.*

*La plej profundaj vortoj*
*saĝulaj nur instruas*
*kiom la siblo de la vento blova*
*aŭ la murmuro de la akvo flua.*

### La hor' dekdua

*La hor' dekdua sonis... dek du batoj*
*pioĉaj sur la teron.*
*—Jam mia hor'! —mi kriis. Respondis:*
*—Ne timu— la silento.*
*—Ne vidos vi defali el klepsidro*
*la lastan akver-eton.*
*Ankoraŭ multajn horojn ja vi dormos*
*sur la ĉi-flanka rando*
*ĝis trovos vi, en iu pura tago,*
*apud la bordo transa, vian barkon.*

### Sur ĉi amara tero

*Sur ĉi amara tero*
*estas de l' sonĝo: vojoj*
*kaj padoj labirintaj, serpentumaj,*
*ĝardenoj en ekflor', silent' kaj ombro,*
*al-stelaj ŝtupoj, kriptoj en profundo,*
*altaroj de esper' kaj rememoroj,*
*figuroj, kiuj ridas preterpase*
*—nostalgivekaj pupoj por la oldo—,*
*vizaĝoj de konatoj*
*ĉe la floranta turno de la vojo,*
*rozkolora ĥimero,*
*kiu sin solvas svene... en la foron...*

### Kiam mi dum nokto kuŝis

*Kiam mi dum nokto kuŝis,*
*sonĝis mi —bena konsol'—*
*ke klarega akvo flusis*
*en la fundo de la kor'.*
*Nu, laŭ kiu kaŝa drivo,*
*akvo, venis vi en flu',*
*fonto de novega vivo,*
*kie trinkis mi kun ĝu'?*

*Kiam mi dum nokto kuŝis,*
*sonĝis mi —bena konsol'—*
*ke abeloj sin akuŝis*
*en la fundo de la kor'.*
*Kaj la svarmo orkolora*
*faris daŭre kun akcel'*
*el la tristo mia plora*
*blankan vakson kun miel'.*

*Kiam mi dum nokto kuŝis,*
*sonĝis mi —bena konsol'—*
*ke ardanta suno tuŝis*
*en la fundon de la kor'.*
*Ardis ĝi, ĉar ĝi brulumis*
*kiel fajro de kamen';*
*estis sun', ĉar ĝi dislumis,*
*kaj ĉar ĝi larmigis mem.*

*Kiam mi dum nokto kuŝis,*
*sonĝis mi —bena konsol'—*
*ke la propra Di' sin puŝis*
*en la fundon de la kor'.*

El la hispana: *F. de Diego*

---

## SEMANA INTERNACIONAL DE LA AMISTAD

Un año más, el Grupo Esperantista de Valladolid, celebró la Semana Internacional de la Amistad con diversos actos, que revistieron, como en años anteriores, trascendencia e importancia.

El día 22 de febrero, sábado, a las ocho de la tarde, en el domicilio social, se reunieron numerosos socios y simpatizantes para escuchar la interesante disertación que sobre el actual tema "El aborto" pronunció el conocido esperantista Dr. D. Antonio Gil Contreras.

Comenzó el acto con unas palabras el actual Presidente del Grupo don Mauro López Nalda, quien en forma sencilla y clara ensalzó el concepto de amistad verdadera, no como aquella amistad práctica y egoísta, sino desinteresada. El que presta ayuda moral cuando más falta nos hace ese es el verdadero amigo. Finalmente, presentó al conferenciante Sr. Gil Contreras, persona suficientemente conocida por todos los presentes.

El Dr. Gil Contreras abordó el palpitante tema del aborto con gran humanidad y rigor científico. Explicó el concepto clínico de aborto para pasar a su legitimidad o no. En la hora actual en que los países llamados civilizados están aprobando el aborto y promulgan leyes a su favor se nos presenta en la mente la idea del crimen. Crimen contra un ser que además no puede defenderse, alevoso y premeditado, por ser la propia madre la que generalmente lo solicita.

Nos mostró el conferenciante cifras no sólo del extranjero, sino de España, donde legalmente está prohibido y sin embargo alcanza cifras enormes.

Terminó su brillante disertación leyendo un artículo en el que se trata de llegar a la conciencia de las madres para que nunca permitan semejante crimen. El conferenciante fue calurosamente aplaudido.

A continuación se sirvió un vino español, obsequio del Grupo.

El domingo día 23 de febrero, a las dos y media de la tarde, numerosos socios y familiares se reunieron en comida de hermandad en céntrico restaurante, donde reinó en todo momento la amistad y alegría tradicional.

A las seis de la tarde, en el domicilio social, se proyectó una serie de películas realizadas por D. Angel Díez García, quien a la vez las comentó, recordando por medio de las imágenes los actos de diversos Congresos Nacionales y otras actividades esperantistas.

Al final, se sortearon dos lotes de libros que fueron muy del agrado de las personas favorecidas con la suerte.

*M. R. Urueña.*

## KONVENAS, KE VI SCIU...

ke, laŭ lastmomentaj informoj, la Urugvaja Esperanto-Societo ĉesigis sian membrecon kiel Landa Asocio de UEA, kaŭze de la puĉo en Hamburgo.

ke, por la unua fojo ekde 1952, UEA ne estis reprezentita en la Ĝenerala Konferenco de UNESKO okazinta fine de 1974 en Parizo.

ke, d-ro Sadler, direktoro de la C.O., donis kiel ekskuzon, ke d-ro Tonkin, la nuna prezidanto de UEA, estas tre "okupita pri aliaj problemoj, precipe la financa, por ĝustatempe memori pri datrevenoj de la konsultaj rilatoj kaj la rezolucio de Montevideo".

ke, se la prezidanto forgesis, la direktoro povus atentigi lin. Se eĉ la direktoro forgesis, la nova provizora direktoro de CED povus atentigi lin. En ĉiu okazo, la fakto estas, ke tiu grava datreveno estas tiel malgrava por la nuna gvidantaro, ke ĝi ne meritis artikoleton en la decembra *Esperanto.*

ke d-ro Sadler, direktoro de la C.O., en cirkulera letero adresita al kelkaj elstaraj esperantistoj, klopodis komprenigi al ili, ke d-ro Lapenna faris nenion por helpi la nunan estraron daŭrigi la ĉefajn agadojn, pri kiuj li estis antaŭe ŝarĝita.

ke, efektive, kaj male al la asertoj de d-ro Sadler, d-ro Lapenna, malgraŭ la hontindaj eventoj de Hamburgo kaj la senprecedencaj insultoj kaj kalumnioj ĵetitaj kontraŭ li persone, skribis al d-ro Sadler, la 8-an de septembro 1974, detalan 5-paĝan leteron kun koncizaj, sed tute klaraj konsiloj pri la taskoj en la respektivaj branĉoj, kaj pri la plej urĝaj laboroj tuj farendaj. En tiu letero troviĝas konsiloj pri UNESKO, UN, Eŭropaj Organizaĵoj, CED, ktp.

ke en la parto pri UNESKO, d-ro Lapenna donis ĉiujn nomojn en la Sekretariato, kun kiuj oni devas rilati, aparte koncerne la Kontraŭrasisman Jardekon, reprezentiĝon en Parizo por daŭraj personaj kontakto kun la Sekretariato de Unesko; reprezentiĝon en Londono por daŭrigi la kontaktojn kun tiuj NROj, kiuj havas sidejon en Britio, daŭrigon de la klopodoj establi bonajn kontaktojn inter la LA kaj la Naciaj Unesko-Komisionoj, trastudon de dokumentoj por la ĝenerala Konferenco kaj intervenon ĉe Unesko surbaze de tiuj dokumentoj, ktp.

ke malgraŭ tiu pli ol klara letero, kun pli ol klaraj konsiloj, *absolute nenio estas farita.*

## INFORMO EL NORVEGUJO

Okaze de sia 80-jara jubileo S-ro Rolf Bugge-Paulsen estis nomita Honora Prezidanto de Norvega Esperantista Ligo.

Komisiono de la Ligo vizitis lin kaj transdonis al li belan diplomon kiel atestilon. S-ro Bugge-Paulsen estas vaste konata inter esperantistoj kaj ne-esperantistoj en kaj ekster Norvegujo. Lia ĝis nun 67-jara Esperanta agado inter-alie ampleksis diversan literaturan produktadon kaj organizajn taskojn.

S-ro Bugge-Paulsen estas aktiva kiel membro de la Akademio de Esperanto, ekde 1932, kaj kiel estrara komisiito pri interŝtataj organizaĵoj.

Koran gratulon al li!

---

## XVIIa KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La ĉijara Kataluna Esperantista Renkontiĝo okazos en Gerona la 13-an kaj 14-an de Septembro 1975.

# EKSIĜA LETERO

**Teksto de la eksiĝa letero de F-ino M. H. Vermaas, transdonita al la nova prezidanto de UEA sabaton la 3-an de aŭgusto 1974 pere de la vic-direktoro de la C.O., matene antaŭ komenciĝo de la Ferma Kunsido**

---

Kun granda pardonpeto al 511 delegitoj kiuj faris al mi la honoron elekti min komitatano B, kiel trian, post Prof. D-ro Lapenna kaj Prof. Régulo Pérez, mi sentas min devigita retiriĝi el la Komitato pro la malindaj metodoj aplikitaj en ligo kun la elektoj de komitatanoj C kaj la Estraro, metodoj per kiuj tiuj organoj senigis sin de homoj plej valoraj por la Asocio.

Same mi eksiĝas el la honora membreco ĉar tiu kvalifiko fariĝis senvalora por mi.

Dumviva membro mi restas ĉar mi ne intencas antaŭtempe perdigi al mi la vivon.

Sed mi sentas min devigita ankaŭ, reveninte hejmen, ŝanĝi mian testamenton. Milionulo mi ne estas, sed almenaŭ, du domoj estis antaŭviditaj por UEA. Bedaŭrinde la nuna gvidantaro de UEA ne donas al mi sufiĉan fidon por pravigi tiun heredaĵon.

(subskribita: *M. H. Vermaas*)

**P.S.** Mi petas ke tiu ĉi teksto estu publikigita en la revuo Esperanto, por ke la delegitaro estu plene informita.

---




Jen la ĉijara afiŝo de la Oficiala kaj Internacia Specimena Foiro de Barcelona. Kiel vi povas konstati unu plian fojon ĝi estas eldonita ankaŭ en Esperanto. Ni dankas al la Direkcio de tiu grava Foir-konkurso, ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.




La Foiro de Milano sendis al ni sian afiŝon en Esperanto, kiun ni volonte publikigas por informo.

Post ĝia legado, eble kelkaj el vi decidos viziti la Foiron.

## SABADELL

### ĜENERALA KUNVENO - 1975

Kiel antaŭvidite, la 19-an de januaro, ni celebris la Ĝeneralan Kunvenon de 1975, pri kiu letere estis informita ĉiu membro.

Malgraŭ tio, ke la ĉeesto estis pli grandnombra ol en pasinta jaro, pro manko da kvorumo la Kunveno komenciĝis je la 11-a horo, tio estas en dua kunvoko. La plej granda parto de la ĉeestantoj estis gejunuloj.

Post salutvortoj de la Prezidanto oni malfermis la Kunvenon. Oni legis la protokolon de la pasinta jaro kaj kun iuj sugestoj de Sro. Ribes oni aprobis ĝin.

Sekve la subskribinto parole skizis la realigitan kaj ne realigitan laboron dum 1974 kaj kies resumo estas la jena:

Sukceso de nia Societa Festo, en kiu oni elektis la unuan fojon "Pubilla Esperanto". Nia Libro-stando en la loka Foiro de la Libro. Membroj de nia Centro ĉeestis la Kongresojn en Hamburgo, Munster kaj Valladolid. Efika kunlaborado en la 16-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo okazinta en Cervera (Lérida). La Junulara Sekcio sukcese organizis la 2-an Katalunan Junularan Esperantistan Renkontiĝon de aŭtuno en Montserrat. Digne oni celebris la Feston Zamenhof kaj Tagon de la Libro en Esperanto. Oni organizis tri kursojn, elementan, superan kaj infanan; la rezulto estis pli bona ol en pasinta jaro, sed ne kontentiga. La Kurso per Korespondado bone funkciis sed ĝiaj eblecoj estas multe pli grandaj. La t. n. praktikoj de Esperanto, kvankam pli oftaj ol pasintjare, ne estas sufiĉaj. Oni organizis Internacian Literaturan Konkurson, kies rezulton oni konstatos dum la nuna jaro. Ni starigis kampanjon favore al H.E.F. kaj al "Sabadell Esperantista", je regiona nivelo, ĝis nun la rezulto ne estas tre brila. En la sama domo de la "Cooperativa La Sabadellenca" oni disponigis por ni, novan sekretariejon. Ĉiumomente la Junulara Sekcio troviĝis tre aktiva. Akurate aperis "Sabadell Esperantista" en kiu rimarkinda estas la kunlaboro de la junularo. Sukceso persona kaj de Esperanto de nia "Pubilla" F-ino Silvia Martínez. La aktiveco de RELA. ne estis tiel forta kiel en pasintaj jaroj. Nia Libroservo havis gravan starton: dum la unua jaro de ĝia ekzisto oni disvendis librojn, kies valoro atingis 40.060 pesetojn. En "Radio Sabadell" ĉiumerkrede funkciis nia programo "Esperanto la Lengua Internacional". Estis rekordo da membroj: nia Centro nuntempe havas 204 societanojn.

FINANCA SITUACIO. — Dum la pasinta jaro ni havis deficiton de 15.000 ptoj., sed la ĝenerala saldo estis favora. La deficito okazis pro la investo de mono en la "Libro-servo elspezoj en la nova sekretariejo, luoj kaj plialtigo de la preskostoj. Por la nuna jaro la buĝeton oni kalkulis ĉirkau 100.000 ptoj.

LABORPLANO POR 1975. — Menciindaj estas la decidoj jenaj: Organizi kursojn ĉiunivele. Prepari profesorojn por okazigi kursojn en la kvartaloj. Plifortigi la praktikadon de Esperanto. Diskonigi Esperanton kiel eble plej multe. Krome oni prezentis ampleksan skemon pri ĉiuj aktivecoj en nia Centro.

SUGESTOJ. — Oni sugestis kaj aprobis: specialan subvencion al la infanaj membroj; malplialtigi la kotizon de la pensiuloj de nia Centro, se ĝi estas petata de ili mem. Okazigi forumojn kaj organizi membro-kampanjon (ĉi tiuj du sugestoj restos por posta studo), ke la kotizo por la parolaj kursoj estu je 250 ptoj., sumo kiu inkluzivas la tekstlibrojn.

EKSTERORDINARA KUNVENO - 1975

La nura punkto de la tagordo estis: Parta renovigo de la estraro (Prezidanto, Sekretario, Kasisto kaj du Voĉdonantoj). La ĉesantaj estraranoj estis unuanime reelektitaj, do la estraro restis la sama.

Kun la aprobo de la Sro. Prezidanto ambaŭ kunvenoj finiĝis je la 13-a horo.

*Luis Serrano Pérez*
Sekretario

## VALLADOLID

### ĜENERALA KUNSIDO EN "FIDO KAJ ESPERO"

La pasintan 9-an de Februaro je la 12,30 matene en la sidejo de "Fido kaj Espero" okazis la ĉi jara ĝenerala kunveno kun ĉeesto de 24 membroj. Prezidis la kunvenon la Prezidanto de la Grupo Sro. Gonzalo Castañón.

Post legado de la protokolo de la pasintjara ĝenerala kunveno, fare de la Sekretariino Sino. Urueña de Hernández, kaj de la financa stato, —kiu estas favora—, legita de la kasisto Sro. López Nalda, oni legis la raporton pri la realigita laboro dum 1974ª. Ĝi estis vere abunda, pri la diversaj aranĝoj ni informis en BOLETIN siatempe. Ĉio estis unuanime aprobita de la ĉeestantoj.

Sekve, oni elektis novan estraron, kiu gvidos la laboron de la Grupo dum la nuna jaro. La nova estraro konsistas el:

PREZIDANTO. — Sro. Mauro López Nalda.

VICPREZIDANTO. — Sro. Antonio Gamboa y Sánchez.

SEKRETARIINO. — Sino. M.ª Rafaela Urueña Alvarez.

VICSEKRETARIINO. — Sro. Eladio González López.

KASISTINO. — Sino. Agueda Lobato de León.

KONTORISTO. — Sro. Angel Díez García.

BIBLIOTEKISTO. — Sro. Jacinto Urueña Antón.

VOĈDONANTINO. — Fino. Enriqueta Sanz.

VOĈDONANTO. — Sro. Emiliano Lorenzo Pérez.

VOĈDONANTO. — Sro. Juan Miguel Piquero.

Sekve, la ĝisnuna Prezidanto Sro. G. Castañón diris kelkajn vortojn por esprimi dankon al ĉiuj kiuj kunlaboris kun li dum la tempo de lia prezidanteco, kaj reliefigis la aktivecon de la Grupo dum 1974ª, ĉefe li emfazis la okazigon de la 34ª H.E.K. en Valladolid, al kiu la estraro de "Fido kaj Espero" dediĉis specialan atenton.

La nova Prezidanto, Sro. Mauro López, kies esperantista kapableco estas bone konata de ĉiuj, per malonga paroladeto esprimis sian deziron daŭrigi la bonan laboron de siaj antaŭuloj kaj se tio estas eble, kun la helpo de la tuta samideanaro, plibonigi ĝin, dediĉante specialan atenton al la plena lernado de la internacia lingvo.

Oni aprobis la proponon pri egaligo de la monata kotizo; ĝi estis aprobita, de nun ĉiu membro de "Fido kaj Espero" pagos 25 pesetojn monate.

Fine, inter la ĉeestantoj estis lotumitaj du libroj: "¿Sabe V. Esperanto?" de Hess kaj la esperanta traduko "La lando de Alvargonzález". Ambaŭ librojn donacitajn de la Grupo gajnis Sro. Cantalapiedra kaj Sino. Urueña de Hernández.

*L. Hernández*

## ZARAGOZA

### ĜENERALA KUNSIDO DE "FRATECO" 1975

La 9-an de februaro okazis la Ĝenerala Kunsido de "Frateco" sub prezido de ĝia Prezidanto Dro. Miguel Sancho Izquierdo.

Post plenumo de la laŭstatutaj formalaĵoj oni pritraktis la konsiston de la nova estraro. Ĉar ĉiuj estraranoj, kiuj devis ĉesi estis unuanime reelektitaj, la estraro restis la sama. Tuj sekve, oni pritraktis la laborplanon preparita por la kuranta jaro kaj oni komentis la diversajn aranĝojn organizatajn kaj organizotajn.

# NOVAJ KURSOJ DE ESPERANTO

PRADOLUENGO (Burgos): (2.500 enloĝantoj)

Okaze de mia ĉiujara vizito al mia naskiĝurbeto, PRADOLUENGO, kiu situas okcidenten de Burgos, je 40 Kilometroj, mi klopodis interesigi pri nia lingvo, iujn elstarajn kaj klerajn personojn tieajn, kaj finfine mi tiun celon atingis.

La semado ne estis sencela.

Grupo de simpatiantoj, komencis la monaton de Januaro, la lernadon de nia Lingvo, sub la gvidado de Sro. David Mingo Serrano, Vicurbestro de Pradoluengo kaj tre elstara persono, kulture kaj komerce. Lia entuziasma juneco estas promesplena por nia movado.

Mi petas al la H.E.F.-geanoj, bonvolu sendi salutleterojn kaj esperantaĵojn al la nova Centro, por ke ili ekkonu ke ili ne estas solaj kaj ke nia movado estas "granda rondo familia".

Sendu ĉion al: Sro. David Mingo Serrano, —Urbodomo—, PRADOLUENGO (Burgos).

*Félix de Valois*

---

## ASOCIACION FERROVIARIA ESPERANTISTA ESPAÑOLA

(Sección de H.E.F.)

*A NUESTROS ASOCIADOS*

Siguiendo la norma de hacer un breve resumen de la gestión realizada durante el año, por la presente se informa de la labor efectuada durante el recién finalizado año 1974.

Una de las gestiones más importantes realizadas durante el año fue el llevar a cabo la organización y realización del 26 Congreso de IFEF en Tarragona. Los trabajos de preparación y desarrollo del mencionado Congreso fueron muy laboriosos y que una total dedicación del Comité Organizador, hizo posible que el resultado final de los actos programados fueran de suma complacencia para los congresistas, cosa que ha quedado demostrada con las muchas cartas de felicitación que se han recibido de todos los países participantes. Es de mencionar la importante ayuda que se recibió por parte de RENFE y Autoridades de Tarragona. También es de remarcar el alto número de participantes que asistieron. En fin que aun considerando que hubo algún pequeño fallo, podemos darnos por satisfechos del resultado global del Congreso.

Por lo que se refiere a otras actividades, podemos mencionar que se ha seguido el mismo ritmo que en gestiones anteriores, participando en varias organizaciones esperantistas y desarrollando activamente los cursos de Esperanto por correspondencia.

Digno de mencionar es también la ampliación de nuestra biblioteca con la adquisición de nuevos volúmenes tanto en esperanto como en español.

El movimiento de asociados sigue siendo estable. Nuevos miembros pasan a reemplazar a los que por una u otra causa dejan nuestra Asociación.

En resumen, que la marcha de nuestra organización sigue siendo normal.

*La Directiva.*

---

## 27 ª IFEF-KONGRESO EN VILLACH (AŬSTRUJO)

Okazonta de la 10-a ĝis la 16-a de Majo 1975

Kongreskotizo ĝis la 14ª de aprilo 1975:

Kongresano 320 ŝillings; familianoj, emeritaj samideanoj kaj junuloj ĝis 20 jaroj aĝaj, 160 ŝillings. Simbola aliĝo 60 ŝillings.

Estas organizitaj ekskursoj al "Alpoj de Villach", "Angulo tri landoj" kaj "Worther Lago", kies prezoj estas 50, 70 kaj 210 ŝillings respektive. La du unuaj estas duontagaj, la alia tuttaga; la prezo de tiu ekskurso inkluzivas tagmanĝon kaj bileton por la ŝipo.

Ĉar la prezo por la loĝejoj estas tre varia, interesitoj petu informojn al la Estraro de HEFA, str. Ronda de San Antonio, 46-50, 2.º, 4.ª, BARCELONA-11.

La IFEF-POSTKONGRESO okazos en SALZBURG (Aŭstrujo) de la 17ª ĝis la 19ª de Majo 1975.

Estas antaŭvidita tre agrabla programo. La kotizo estas 150 ŝillings. La paginto de la kotizo rajtas partopreni ĉiujn aranĝojn laŭ la programo sen plua pago.

Informoj ĉe la Estraro de HEFA en BARCELONA.

## RAPORTO PRI LA AGADO DE HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO DUM 1974

Dum la jaro 1974ª la esperantista aktiveco de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio daŭrigis sian konstantan laboron. Do, la vivo de la Sekcio en la finiĝanta jaro disvolviĝis laŭ la plano programita en la pasinta Ĝenerala Kunveno. Kiel kutime la elspezoj estis kovritaj de la enspezoj, kio garantias nian laboron en sama nivelo kaj laŭ sama ritmo kiel en pasintaj jaroj.

Dum la jaro ni organizis kaj efektivigis ekskurson al Biarritz (Francujo) por partopreni en la VIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazinta en tiu bela urbo. Siatempe aperis raporto en BOLETIN pri tiu aranĝo.

Ni devis rezigni la efektivigon de la organizita komuna flugvojaĝo al Hamburgo (Germanujo), okaze de la 59ª Universala Kongreso de Esperanto; la nombro de la partoprenontoj hispanaj en la Kongreso estis tro malgranda por ĝin realigi. Malgraŭ tio veturis al Hamburgo nia Prezidantino kaj nia Delegito en Bilbao Sro. Otaola.

Nia Prezidantino, F-ino Gastón ricevis saluton kun danko de Lia Ekscelenca Moŝto Pío Cabanillas Gallas, tiama Ministro pri Informado kaj Turismo, okaze de la eldono en la hispana, de la broŝuro "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj" ("El problema lingüístico en las relaciones internacionales"), kies aŭtoro estas Prof. Dro. Ivo Lapenna. Tiu kaj aliaj gratuloj ricevitaj de Aŭtoritatuloj kaj elstaruloj kun kiuj la estraro de H.T.E.S. interrilatas, multe kuraĝigas nin en nia por Esperanto-laboro.

Vizitojn ni ricevis el Aŭstrujo, Hungarujo, Nov-Zelando, Francujo, Jugoslavio, Svizujo, Portugalujo kaj Usono. La sekcio havigis informojn pri feriaj lokoj en Hispanujo kaj vojaĝplanojn al esperantistoj el plej diversaj landoj, kiuj laŭdire intencis ferii en nia lando.

Por la organizado de ekskursoj, ni daŭrigas nian kunlaboron kun la Delegacio en Zaragoza de firmo MELIA, kio multe faciligas nian laboron.

La Kurso de Esperanto gvidata de S-ro Fernando de Diego en "Círculo Cultural Medina" estis ja sukcesa. Sekve de tio, en la monato novembro, ankaŭ organizita de H.T.E.S., nova kurso komenciĝis en sama Oficiala Centro, kaj ankaŭ ĝi estas gvidata de Sro. de Diego al kiu unu plian fojon ni devas danki pro lia sindonemo.

La ceteraj programitaj funkcioj de la sekcio bone sukcesis kaj dum la jaro oftaj informoj aperis en la ĵurnaloj de Zaragoza pri nia esperantista laboro.

Zaragoza la 31-an de decembro 1974.
La Sekretariino
*M.ª Pilar Sancho Rebullida*

## ĜENERALA KUNSIDO DE H. T. E. S.

La 5-an de februaro okazis la Ĝenerala Kunsido de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio sub prezido de ĝia Prezidantino, F-ino Gastón; post legado kaj aprobo de la raporto prezentita de la Sekretariino, oni ankaŭ aprobis la kontojn, kaj ĉiujn decidojn de la estraro dum la pasinta jaro, inter ili la eksiĝon de la Sekcio kiel membro abonanto de U.E.A.

Unuanime ĉiuj estraranoj estis reelektitaj.

Tuj sekve oni pritraktis la aranĝojn organizatajn kaj organizotajn dum la kuranta jaro, pri kiuj siatempe ni informos en BOLETIN.

Zaragoza la 5-an de februaro 1975.

## REVUO DE LA REVUOJ

La sonoriloj de ESPERANTO (n.° 829, januaro 1975) gaje svingiĝas anoncante al la publiko alian mond-skuan eventon en la rapida progreso de la "nova" kaj "dinamika" UEA. Jen la motivo de la jubilo:

*«Grupo de aktivuloj de Centro de Esperanto Sabadell anoncis monkolektan kampanjon cele al la likvido de la UEA-deficito. La kampanjon organizas L. Serrano Pérez (Fuente Nueva, 32, Sabadell, Barcelona) la sekretario de la Centro.»*

Ni gratulas la sinjoron redaktoron de ESPERANTO pro tiel sensacia novaĵo, kaj deziras al s-ro L. Serrano rapidan kaj sukcesan monkolekton..

Sed la informo havas, kiel la skorpioj, venenan voston. Jen ĝi:

*«Tiu ĉi esprimo de solidareco kaj fido al UEA estas des pli grava nun, kiam en la periodaĵo de la Hispana Esperanto-Federacio,* Boletín, *komencas aperadi kontribuaĵoj, kies celo estas subfosi la fidindecon de la novaj gvidorganoj de UEA.»*

La legantoj de *Boletín* certe miros je la komento de s-ro Milojeviĉ, ĉar ili konas la signifon de *subfosi* laŭ PV kaj PIV: *"Kaŝe* prepari la ruiniĝon, malsukceson, disfalon de io..." Eble la supera talento de s-ro Milojeviĉ kapablos informi al la legantoj de ESPERANTO, kion ni preparas *kaŝe,* ĉar estas facile konstatebla fakto, ke *Boletín* parolas per neanonimaj, bone konataj voĉoj kaj ĉiam sub la klara lumo de la tago. Granda parto de la *subfosado* de *Boletín* konsistas en tio, publikigi nombron da leteroj, rezolucioj kaj informoj de diversaj personoj kaj organizaĵoj, ĝuste tial, ke en ESPERANTO oni ilin tute rifuzas, kvankam la organo de UEA senĝene proklamas la liberecon de opinioj. Nu, laŭ ĉi principo, proklamata, sed ne praktikata, vi, s-ro Milojeviĉ, devus informi, ne nur pri la iniciato de s-ro Serrano, sed ankaŭ, kaj interalie, pri la *oficiala opinio* de aliaj Esperantaj societoj hispanaj, kies rezolucioj aperis en la lasta numero de *Boletín.* Kiu do subfosas la veron, s-ro Milojeviĉ?

En la sama numero de ESPERANTO aperas grava artikolo de d-ro Sadler sub la titolo *Iom da pacienco mi petas.* Ŝajnas, ke la direktoro de la C.O. saltis sur la arenon kun la intenco iel fliki kaj ripari la povran argumentadon de s-ro Milojeviĉ en ties pli fruaj kaj senesperaj provoj defendi ion, kio fakte estas nedefendebla. Mi profunde bedaŭras, ke inteligenta kaj esence honesta homo, kiel d-ro Sadler, decidiĝis verki artikolon, kiu aldonos absolute nenion al lia prestiĝo. Sed mi konfesu, ke d-ro Sadler havis almenaŭ la kuraĝon tuŝi la temon de la neŭtraleco, kerno de la profunda krizo de UEA kaj eĉ de la tuta Esperanto-movado. D-ro Sadler diras:

*«En Hamburgo estis klare, ke la granda plimulto de la Komitato deziras elekti novan prezidanton.»*

Tamen d-ro Sadler scias tre bone, ke la elektinta komitato kreiĝis, ne per demokratia procedo, sed esence *per la rekomendoj en strikta formo, kiel tio kutimas tie,* de la organizaĵoj de la orientaj landoj. (Konfeso de d-ro Arturo Bormann, amiko kaj defendanto de la nuna Estraro). Ĉi tie, d-ro Sadler, vi misprezentas la faktojn kaj, plej bedaŭrinde, vi konscie kaj intence misprezentas ilin.

D-ro Sadler daŭrigas: *«La nova prezidanto de UEA, la Estraro, la Komitato kaj la tuta Kongreso en Hamburgo rekonfirmis la principon de neŭtraleco kiel 'la sola ebla vojo por la prosperigo de la Asocio, grava unuiga forto por ĝia laboro, kaj plej bona kondiĉo por efika kaj harmonia internacia kunlaboro en la kadro de la Asocio'. Estas la devo de ĉiuj ofic-havantoj kaj de ĉiuj ordinaraj membroj de UEA solidare apogi tiun linion kaj, se necese, kunagi por defendi la Asocion kontraŭ ĉiu ajn atenco al la neŭtraleco, de kiu ajn flanko ĝi povus veni. Kontraŭe, misprezenti la decidojn de la Estraro aŭ senbaze atribui al ĝi politikan tendencon ne estas defendo de neŭtraleco sed estas rekta subfoso de la unueco de UEA kaj estas en si mem neneŭtrala agado. Cetere, se efektive la neŭtraleco estus forlasita —kaj la ofico de direktoro de la C.O. permesas tion sufiĉe bone prijuĝi— ankaŭ mi reekzamenus mian ligitecon al UEA.»*

Belaj vortoj, sed vortoj, kiuj esence diras nenion, des pli, ke d-ro Sadler havis antaŭ sia nazo pli ol unu movon kontraŭ la neŭtraleco, kaj nek li, nek la Estraro, nek la Komitato reagis, malgraŭ tiom da emfazaj deklaroj kaj "rekonfirmoj". Ĉi-rilate ni montras ĉi-sube du specimenojn, ĉar la antaŭviditaj kaj nepraj sekvoj de la decida interveno de la orientaj organizaĵoj en la puĉo de Hamburgo jam komencas aperi. STARTO, 6 (44), 1974, organo de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio, diras:

*«UEA, same kiel ĉiuj aliaj organizaĵoj celantaj la internacian sferon, estas devigata respeguli objektivajn ŝanĝojn en la internacia vivo. Ĝi ne povas neglekti ilin, se ĝi mem ne volas esti neglektata, kaj se ĝi volas labori por la internacia kompreniĝo. Interne de UEA oni ne povas malatenti la kvantan fortiĝon de la asocioj el la socialismaj landoj (temas pri la kvin plej grandaj asocioj aliĝintaj al UEA) kaj sekve ankaŭ enradikiĝon de la novaj tendencoj en la aplikado de la internacia lingvo. La esperantistaro atendas de la nova estraro, ke ĝi respektos ilin.»*

La tono de la artikolo estas, ne nur aroganta, sed eĉ minaca. Sed, atendu momenton kaj legu ankaŭ ĉi tiun pecon aperintan en ESZPERANTO MAGAZIN, decembro 1974:

*«Hungara Esperanto-Asocio havis sian komitat-kunsidon la 13-an de oktobro... Béla Berceli, ĉefsekretario de HEA... emfazis ke... laŭ rezultoj de decidoj de la UK en Hamburg, UEA komprenis ĝuste la neŭtralecon kaj espereble ĝi faros kontaktojn kun multaj, ankaŭ kun la internaciaj sindikataj instancoj. Ni estas ja neŭtralaj ĝenerale en politikaj problemoj, sed ne estas neŭtralaj en problemoj gravaj por la sorto de la homaro.»*

Oni komparu la retorikajn aer-vezikojn de d-ro Sadler kun la senkaŝaj atakoj, fare de la ĉefaj kreintoj de la nunaj estraro kaj komitato de UEA, kontraŭ la ĝishamburga linio de sendependa neŭtraleco. Kial vi, d-ro Sadler, silentis kaj silentas ĉe ĉi tiuj eksterordinare gravaj deklaroj de ĉeĥoj kaj hungaroj? Kien iris via decido "defendi la Asocion kontraŭ ĉiu ajn atenco al la neŭtraleco"? Ĉar jen, vi staras ne nur antaŭ atenco, sed antaŭ pli malpli kaŝita postulo kaj minaco. Se la orientuloj tiamaniere postulas kaj minacas *publike*, oni nur imagu, kia devas esti la tono de ilia *privata* traktado kun la respondeculoj de la Estraro!

Sed ekzistas eĉ pli grava kaj signifa simptomo. En HEROLDO DE ESPERANTO n.° 13, 1-10-1974, surprize aperis la programo de la nova estraro de UEA, kion ni siatempe komentis. Ĉar la estraro de UEA neniel reagis ĝis nun rilate al la publikigo de la menciita programo, ni devas logike supozi, ke efektive la programo havas principe oficialan karakteron. Nu, la sesa punkto de la programo indikas kiel taskon de la estraro: *difini novan filozofion kaj lingvopolitikon de UEA.*

Ĉi tiu sesa punkto *estas jam programita atenco kontraŭ la neŭtraleco,* ĉar ĝi povas havi nenian alian signifon, des pli, ke oni tenas en la plej mistera sekreto la programon. Anstataŭ viaj retorikaĵoj, d-ro Sadler, kial vi ne informas al la membroj de UEA pri la karaktero kaj la signifo de la sesa punkto? Kion oni kaŝas? Kion oni ne volas diri *ankoraŭ*?

Kiel vi vidas, d-ro Sadler, la malkonfido de la esperantistoj rilate al la estraro kaj komitato de UEA —aparte de tio, ke ĉi tiuj organoj kreiĝis pere de absolute neregulaj procedoj— baziĝas sur solidaj, faktaj motivoj. La esperantistoj vidas kaj sentas, ke oni ne diras al ili la tutan veron, ke oni preparas ankoraŭ ion post la kulisoj, ke oni malespere klopodas trovi la manieron sukeri la pilolon de neneŭtrala neŭtraleco, por ke la membroj de UEA povu ĝin gluti.

Kaj dume la orientuloj, kaj ties okcidentaj amikoj, atendas kaj komencas perdi la paciencon...

Ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*Fernando de Diego*

## *Ni legis por vi...*

MODELA PRONONCO DE LA INTERLINGVO ESPERANTO (Represaĵo el Scienca Revuo) de A. Lienhardt. Beograd (Jugoslavio), 1973. Broŝuro 16-paĝa, 17 × 24 cm. Prezo:

Kelkaj asertoj de la aŭtoro rilate al la "modela" prononco de esperanto havas apenaŭ akademian valoron kaj ĝenerale baziĝas sur subjektivaj preferoj. Ĉefe pri la akcentado de vort-kunmetoj mi ne konsentas kun s-ro Lienhardt. Diri, ke *pomo-víno* (kun nur unu akcento, nome sur la antaŭlasta silabo *vi*) sonas artefarite, do nenature, ŝajnas al mi aserto sen ia konsisto. Al ni, hispanlingvanoj, sonas artefarite lia preferata formo *pómo-víno!* Laŭ la regulo 10 de la Fundamento de Esperanto, la akcento estas ĉiam sur la antaŭlasta silabo, do en *pomo-vino* nur *vi* rajtas la akcenton, ĉar la regulo ne faras distingon inter simplaj kaj kunmetitaj vortoj.

Alie (kaj surbaze de la regulo 11.ª de la dirita Fundamento: *la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj kiel memstaraj vortoj*), *eniranto*, por ekzemplo, kaj laŭ la "modeloj" de la aŭtoro, devus akcentiĝi *enïránto!*

Eble la solvo troviĝus en tio, preni kiel modelon de prononco nacian lingvon, la italan, por ekzemplo, kiu estas, laŭ mia scio, la plej proksima al la fonetiko de esperanto.

*Fernando de Diego*

GRANDA GALERIO ZAMENHOFA, de Adolf Holzhaus. Eldono: Fondumo Esperanto, Finnlando, 1973. 29,5 × 21 cm., 567 paĝoj, bindita. Prezo:

Ĉi tiu aspekte impona libro estas la efektivigo de giganta laboro plenumita de s-ro Holzhaus, ĉar, laŭ la antaŭparolo de s-ro Vilho Setälä, "*la vivlaboro de eminenta homo* (ĉi-kaze Zamenhof) *devus esti reprezentata kiel bildogalerio en unu libro*".

Sed s-ro Holzhaus pli ol elĉerpas la temon, se konsideri, ke apud granda nombro da fotoj de Zamenhof kaj ties familianoj en diversaj aĝoj kaj situacioj, la aŭtoro inkluzivigas multege da bildoj apenaŭ interesaj aŭ absolute senvaloraj de ajna vidpunkto: titolpaĝoj de malnovaj libroj, reproduktoj de gazetoj, leteroj, poŝtkartoj, muzikaĵoj, anoncoj ĵurnalaj, moneroj, bildoj de domoj, stratoj, monumentoj, strato-tabuloj, poŝtmarkoj ktp. kun tre dubinda valoro historia, kvankam mi komprenas, ke ĉio ĉi povas feliĉigi homon posedatan de akuta kolekto-manio. En la sekcio de la libro "Diversaĵoj", paĝo 469, troviĝas foto de la aŭtoro staranta apud blanka urso en la jaro 1958. La foto estas ne malmulte amuza kaj per si mem valoras preskaŭ la duonon de la prezo de la libro, sed mi tute ne povas kapti, kion komunan ĝi havas kun Zamenhof... eĉ se la urso parolus esperanton!

Mi ne povas ne admiri la paciencon, la sindediĉon kaj la entuziasmon de la aŭtoro en ties serĉado kaj lokalizo de tiom da grafikaĵoj kaj reproduktoj aperantaj en lia libro, kvankam destini paĝegon 29 × 21 cm., de eksterordinara bon- kvalita papero por la reprodukto, por ekzemplo, de unu sola eta poŝtmarko, ŝajnas al mi, interalie, financa frenezaĵo. Sed, kompreneble, ĉiu faras per sia mono kion li volas. Aliflanke mi ne povas ne bedaŭri, ke s-ro Holzhaus elspezis tiel grandegan monsumon en la kompilo kaj eldono de grafika kolekto de dubinda valoro dum verkoj geniaj, kiel *Tutmonda Sonoro* de Kalocsay ŝimas en tirkesto pro manko de mecenato.

*Fernando de Diego*

ĈU VI PAROLAS TENDARE?, de Renato Corsetti kaj Mauro La Torre, laŭ materialo pretigita de Hans Bekker. Bildkurso por labortendaroj. Eldono: TEJO, Rotterdam, 1974. Formato 14 × 20,5 cm., 96 paĝoj. Abunde ilustrita, broŝurita. Prezo:

La libro eldoniĝis, laŭ la kunaŭtoro Renato Corsetti, kiel helpilo por la instruado de Esperanto en labortendaroj. En sia karaktero de helpilo ĝi povas fari bonan servon, ne nur inter tendaranoj, sed ankaŭ inter ĉiuspecaj komencantoj, se ilin gvidas kompetenta instruisto. La ekzercoj abundas, kaj la amuzaj desegnoj kontribuas al la uzindeco de la libro.

*Fernando de Diego*

---

Recenzanto esprimas nur sian propran opinion pri la verkoj al li afable submetitaj de la aŭtoroj aŭ eldonistoj. Du ekzempleroj de la koncerna verko rajtos recenzon; unu mencion.



## SOCIETA FESTO
## CENTRO ESPERANTO
## SABADELL

F-ino M.a Jesús Molina Serrano, «Pubilla Esperanto» 1975.

La 8-an de februaro ni celebris la Societan Feston, kiun jam tradicie ni koincidigas kun la karnavala sabato.

La slogano de nia Festo estis "VI AMUZIĜU KIEL EBLE PLEJ MULTE" kaj verdire la partoprenantaro tre honoris la devizon, ĉar ĝis la unuaj horoj de la sekvanta tago senlace oni dancadis en la plej amikeca etoso inter ridoj kaj amuzaj spritaĵoj.

Pro tio, ke tiu tago estis karnavala sabato, multaj el la partoprenantoj sin vestis per originalaj vestaĵoj. Por premii tiujn gekuraĝulojn, el kiuj abundis junulinoj, oni distribuis diversajn premiojn.



Jen iuj el la junulinoj partoprenintaj en la festo.

Por la unua fojo, pasintjare ni elektis "Pubilla", nu, ĉi tiu jaro ni jam havas novan reĝinon, meritplene atingis tiun titolon F-ino M.a Jesús Molina Serrano, al kiu ni ĉiuj deziras grandan sukceson.

Jes, la Festo finiĝis kaj niaj pensoj jam flugas al tiu de la venonta jaro, Festo al kiu vi estas kore invitata.

*Luis Serrano Pérez*

# ESPERANTO-EKSPOZICIO EN BARCELONA

De la 17-a ĝis la 24-a de la pasinta Novembro, la Esperanto-Fako de la "Fomento Martinense" (Barcelona) prezentis la II-an Esperanto-Ekspozicion en sia propra ejo.

La Ekspozicion, kiu kompilis tre interesan materialon, vizitis pli ol 800 personoj.

TIP. C. BOLOIX -REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63